# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 3 (3) decembro de 2002

NOVAĴOJ

La novjaraj salutvortoj el la komisiito

Karaj geamikoj,

Printempo estas kaj bela kaj esperoplena. Tamen la printempo de 2002 estis plisignifa kaj neforgesebla por mi, ĉar en tiu sezono mi akceptis gloran taskon deciditan de la estraro de UEA, t.e. komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj". En la pasintaj tagoj mi konatiĝis kun tiom da samideanoj per la projekto, kaj mi trovis plezuron neaperintan en mia vivo. Tio ne nur vekis en mi agrablan senton, sed ankaŭ vere sciigis min kio estas la etoso de Esperanto, interkompreniĝo kaj subteno. Kio pliĝojigis kaj emociis min estas, ke mi ĝuis sincerajn amikecojn de la lingvanoj el la kvin kontinentoj.

Mi estas kontenta pri progreso de la projekto en la pasonta jaro, kies plej evidenta simbolo estas, ke nemalmultaj samideanoj reagis al la projekto, eĉ reaktivigis siajn interrompitajn ideojn koncerne la projekton. Estis ilia kompreno kaj subteno kiu igis min havi sufiĉan kuraĝon, imagemon en tiu laboro. Rezultiĝis el ilia movforto la naskiĝo de la ret-revueto "Informilo de Ghemelaj Urboj".

La projekto estas grava. Ĝi ekstere favoras al interŝanĝo kaj kooperado inter la ĝemelaj urboj kaj akceli kompreniĝon inter popoloj, kaj interne estas unu el la efikaj metodoj disvastigi kaj praktiki nian lingvon, kaj plifortigi la niĉojn de nia movado. Tial ĝia laboro estas sistema kaj planita kvankam la projekto estas parto, eĉ eta parto, de Laborplano de UEA, ekz. la ricevitaj informoj aŭ proponoj estas serioze kaj kategorie prilaborataj kaj notataj.

Mi laŭdas la vidpunkon menciitan en la malferma parolado de s-ro Renato Corsetti ĉe la Fortaleza UK: produkti esperantistojn kaj produkti servojn por esperantistoj. El tio ni havas alian komunan konscion: la vivpovo mankas al Esperanto, se Esperanto ne havus vastan kaj praktikan aplikon. Mi pensas, ke la projekto devas esti fandita en la ideojn de esperantistoj, kaj en la aranĝojn de fakaj kaj lokaj organizaĵoj kaj la urbaj instancoj.

Karaj samideanoj, la projekto ĵus komenciĝis. Kiel ni progresigos kaj antaŭenigos la projekton en la venonta jaro? Estas ŝlosilo de ĝia progreso via kompreno, subteno kaj entuziasma partopreno. Mi kredas, ke ŝanco estas pli multa ol defio. La floro de la projekto estos bela kaj fruktdona, kondiĉe ke ni ĉiuj ellernu kapti ajnan ŝancon kaj klopodas por praktiki ĝin.

Mi kore dankas la samideanojn kaj geamikojn, kiuj subtenas la projekton "Ĝemelaj Urboj" de UEA. Feliĉan jaron al ĉiuj esperantistoj en la ĝemelaj urboj!

Japana kongreso kaj ĝemelaj urboj

Dum la 89-a Japana Kongreso de Esperanto inter la 4-a kaj la 6-a de oktobro Internacia Fako de Japana Esperanto-Instituto okazigis fakkunsidon "Azia Agado". Ĝemelaj urboj fariĝis unu el la liberaj diskutoj de la ĉeestintoj.

88-a UK okazonta en Gotenburgo

Inter la 26-a de Julio kaj la 2-a de aŭgusto 2003 la 88-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Gotenburgo, Svedio. Gotenburgo havas ĝemelajn rilatojn kun multaj urboj, ekz. Aarhus

(Danio), Tallinn (Estonio), Turku (Finlando), Oslo, Bergen (Norvegio), Shanghai (Chinio), Krakow (Pollando) kaj Port Elizabeth (Sud Afriko).

Reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto
1. S-ro SIBAYAMA Zyun'iti el Japanio enmetis N-ron.1 Informilon de Ghemelaj Urboj en la TTT-ejon (ret-paĝon) de KAEM (Komisiono de Azia Esperanto-Movado) de UEA. ĉe: http://www2s.biglobe.ne.jp/~jei/kaem/kaem-adr.htm#KAEM-TTT

2. N-ro 1 Informilo de Ĝemelaj Urboj estas legebla en N-ro 9 Verda Spiko, sezona organo de Guanzhou-urba Esperanto-Asocio, Chinio.

3. Raporto pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" aperis en N-ro 11 ESPERANTO AKTIVAS, monatrevuo de Xi'an Esperanto-Asocio, Chinio.

4. La 5-an de novembro la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia ret-revueto estis menciita en la novaĵoj publikigitaj de la Ret-info el http://www.eventoj.hu.

5. S-ro Otmar LIEBHART el Salzburg en Aŭstrio: Estimata sinjoro Wu, mi ĵus legis vian mesaĝon kaj mi multe interesiĝas pri ĝi. Kie mi povas trovi pliajn informojn pri tio? Ĉu vi havas hejmpaĝon kun tiaj informoj? Do, mi tre ĝojus ekscii pli pri via projekto. Ni estos konstruantaj hejmpaĝon por la (estonta) esperanto-grupo en Salzburg, kun informoj pri la urbo Salzburg (kie ja naskiĝis Mozart), ktp.

6. S-ro Johano el Campinas en Brazilo: Mi scias, ke mia urbo Campinas havas ĝemelajn rilatojn kun la urboj Fuzhou (Ĉinio) , Torino (Italio), San Diego (Usono) , Cordoba (Argentinio), Novi Sad (Servio), Gifu (Japanio), Concepcion (Ĉilio), Daloa (Ebura Bordo), Assunçao (Paragvajo). Mi pensas, ke antaŭ ol krei novajn ĝemelajn urbojn (laŭ propono de la esperantistoj), ni devus profiti la jam ekzistantajn oficiajn ĝemelajn urbojn kaj provi fari la kontaktojn kun la eventualaj esperantistoj de tiuj urboj. Tiamaniere ni povus montri al la neesperantistoj ke pere de Esperanto fakte kaj efektive estas kultura interŝanĝo inter la ĝemelaj urboj kaj anonci tion en la amas-komunikiloj

7.S-ro Zhang Shaoji el Guangzhou en Ĉinio: Dankon pro la plusendo al mi vian Informilon de Ĝemelaj Urboj. Vi faras valoran laboron, ĉar ni malofte utiligas la ĝemelan rilaton, ekzemple, en nia kazo ni havas ĝemelajn urbojn en Germanio (Frankfurto) kaj en Japanio (Fukuoka) tamen ni malofte kontaktiĝas. Similaj okazoj troviĝas ankaŭ en aliaj urboj, mi supozas. Nun kun la helpo de via informilo ni povas de temp' al tempo atenti la interŝanĝon kaj evuluon tiurilate kaj ekpensi kiel ni faros ion por akceli la rilatojn. Mi intencas aperigi vian informilon en nia revuo Verda Spiko kaj mi petas vian konsenton.

8. S-ro Mu Binghua el Chengdu en Ĉinio: Kara samideano Wu Guojiang, mi nomiĝas Mu Binghua (58j), estas ĝenerala sekretario de Chengdu-urba Esperanto-Asocio (CEA) kaj instruas en Chengdu Universitato kiel vic-profesoro pri ekonomio. Mi legis Informilon de Ĝemelaj Urboj en Verda Spiko. Tre bone. Mi kopiis kelkajn por la aliaj samideanoj. Chengdu havas ĉ.10 ĝemelajn

urbojn. Lastjare CEA ricevis leterojn de Esperano-organizaĵoj el la ĝemelaj urboj Montpellier (Francio) kaj Ljubljana (Slovenio). Ni transsendis tiujn leterojn al la koncernaj fakoj de la urbodomo kaj rikoltis ilian altan takson. Nun mi plezure transdiras al vi la adreson de Esperanto-oragnizaĵo de Montpellier por ke ĝi povu ricevi Informilon de Ĝemelaj Urboj.

9. S-ro Yves NICOLAS el Herouville Saint Clair en Francio: Estimata, dankon pro via mesaĝo. Viaj klopodoj por pli firmigi efikecon de Esperanto kadre de ĝemeladoj tre interesas nian lokan klubon. Espereble multaj aliaj kluboj ankaŭ informos vin.

10. Karl Liebermann el Rottweil en Germanio: Estimata s-ro Wu Guojiang, mi kore dankas pro via mesaĝo. Sed estontece, mi ŝatus ne plu ricevi tiajn mesaĝojn. Nia grupo estas tro malmultnombra kaj ne aparte kontribuema. Mi aprezas vian agadon kaj deziras al vi plej grandan sukceson en tiu komisio.

11. S-ro Roland Schnell el Berlin en Germanio: Estimata samideano, Mi estas oficala respondeculo (komisiito) de la Esperanto-Ligo Berlin (ĉefurbo de Germanio). Nia urbo havas oficialajn kontaktojn kun multaj urboj, precipe metropoloj aŭ ĉefurboj (Moskvo, Varsovio, Parizo, Bruselo, Istanbul, Tashkent, Los Angeles, ktp.). Esperantistoj ĝis nun malmulte okupiĝis pri ĝemelurbaj kontaktoj, tamen estis regulaj, sed ĉiam privataj vizitoj de aliaj urboj.

Mi provis instali kontakton kun la aliaj urboj, sed estas malfacile. La esperantistoj ŝajne ne vidas utilon en ĝemelurbaj kontaktoj, kaj pli aŭ malpli mi povas kompreni ilin. La ĝemelurbaj kontaktoj nur havas sencon, se ili estas la bazo por gazetara laboro. Estas vana ideo, ke oni povas facile konviki gazetaron aŭ televidon pri Esperanto. Se iu per Esperanto okazas en la kadro de ĝemelurba laboro, ili pli volonte mencias. Mi ne kredas, ke la Esperantistoj komprenis ĉi tiun trukon. Por interna laboro de Esperanto la ĝemelurboj estas sensencaj. Por mi ne gravas ĉu esperantisto estas de ĝemelurbo aŭ de tute alia urbo. Por la gazetaro aŭ oficialaj instancoj ege gravas. Mi tre ĝojus, se vi povus substreki tion en via informado. Alie la ĝemelurbaj kontaktoj nur estas plia peno. En Berlin ĝis nun malmulte okazis, ekestis produktiva kontakto kun Tashkent, kaj ekestas kontakto kun Prago. Mi ŝatus informi vin pri tre sukcesa, sed verŝajne pro tio malpli konata ĝemelurba afero inter Troyes (Francio), Darmstadt (Germanio), Alkmaar (Nederlando) kaj iu urbo en Britio, kies nomon mi forgesis. De multaj jaroj dekoj da Esperantistoj partoprenas renkontiĝojn en la aliaj urboj en la kadro de la oficialaj ĝemelurbaj aktivecoj. De Darmstadt mi scias, ke ili eĉ ricevas etan monsumon. Indus priskribi tion kiel modelan, tamen nekonatan agadon. Pri via laborplano permesu al mi la komenton, ke ĝi estas tipe esperantista, kaj pensas, ke iu afero (esperanto, ĝemelurboj) havas valoron el si mem. Ĝi tute ne liveras argumenton, kial loka esperantisto okupiĝu en ĉi tiu laboro (kaj tial ĝis nun malmultaj okupiĝis) kaj ĝi ne liversas argumenton, kial Esperanto estu utila por la ekzistantaj nacilingvaj kontaktoj.

Rilate al la lasta punkto indas mencii, ke niaj ne-esperantaj ĝemelurbaj kontaktoj suferas de la lingva problemo. Tion ĉiuj senprobleme konfesas. Tial kontaktoj estas reduktitaj al urboj, kiuj parolas angle, kaj japanaj, ĉinaj, hispanaj kontaktoj ne multe gravas. Dua strategio estas la interŝanĝo en kampoj, kie ne estas bezonata lingva komunikado, ekz. sporto, muziko, dancado, pentrado. En malgrandaj germanaj urboj ofte estas fajrobrigadanoj, kiuj eluzas la eblecojn de vizito en ĝemelita urbo. Ili drinkas kune kaj ne bezonas lingvon.

Praktika utilo de Esperanto en la ĝemelurbaj kontaktoj povas esti ofertataj al studentoj, kiuj

deziras studi en la koncerna lando aŭ al malgrandaj entreprenoj. Ili povas per Esperanto trovi partnerojn.

Ne indas igi ĉiujn lerni Esperanton, sed Esperantistoj de ambaŭ ĝemelurboj povas agi kiel tradukantoj aŭ prizorgantoj de informoj. Tiel ili montras la praktikan utilon de Esperanto. Ni havas certajn ideojn, pri kiuj mi eble poste informos vin.

12. S-ro Osioka Moritaka el Hirosima en Japanio: Kara samideano, dankon pro via informo. Mi studos ĝin, kaj pensos kiel informi samideanojn en japana Esperantujo laŭ mia maniero.

13. S-ro Mikaelo Bronŝtejn el Tiĥvin en Rusio: Estimata Wu Guojiang, Yves Nicolas per sia informo bone prilumis la dekdujaran amikecon inter niaj ĝemelurbaj E-societoj. La dua ĝemelurbo de Tihvin estas Imatra en Finnlando. Bedaŭrinde, tie loĝas nur du aŭ tri esperantistoj-unuopuloj kiuj havas ligon kun la forta E-grupo en apuda finna urbo Lappeenranta. Nia E-societo bone kontaktas la unuopulojn en Imatra kaj la grupon en Lappeenranta. Okazis dum la lasta jardeko pluraj interklubaj renkontiĝoj - pro konvena proksimeco distanca (nur 400 km) reciprokaj vizitoj okazas ĉiujare. La lasta estis okazinta la 12-an de aprilo 2002, kiam s-ro Vasilij Baraŝkov kaj mi prelegis kaj koncertis por E- grupo de Lappeenranta.

14.S-ro Eugeno S.P. el Taŝkento en Ukranio: Estimata amiko, mi ricevis leteron de Rolando el Berlino. Mi sendas al vi kopion de mia letero al li.

Kara amiko Roland, mi havas multajn viajn leterojn kaj ideojn, kiujn mi konsideras valoraj kaj pri kiuj mi devas diri mian opinion. Sed mi havas "varmegan tempon" litere kaj metafore. Pro tio mi respondu nur la lastan. <Mi ricevis peton de komisiito de UEA kaj pensas, ke vi prezentu al li viajn ideojn kaj dezirojn pri ĝemeliĝo, precipe kun Berlin.>

Se diri la veron, mi havas la solan ideon - AMIKI KAJ AMIKECI. Ni povas havi amikajn, amikecajn ligojn inter esperantistoj de ambaŭ urboj. Sed tio devas esti sur la dua loko. La pli grava, ke ni amiku kaj akcelu la amikecon sur la tuturba nivelo. Ni, esperantistoj, devas iniciati nenion alian, krom tio, kio eats jam farata pli malpli oficiale. Mi scias, ke vi, Roland, jam havas ligojn kun la berlina organizaĵo, kiu jam estas engaĝita pri tio oficiale. Vi povas preni ties taskojn kaj diri al ni ĉion pri tio. Dum la soveta tempo mi ofte vizitadis la Amikecan asocion kaj povis kunlabori kun ĝi.Nun mi scias nenion - nek la nomon, nek la adresojn de la Asocio. Mi ne scias ech ĉu ĝi ekzistas en la sama formo, ĉar de tiuj tempoj multego ŝanĝiĝis al malbona flanko. Ankaŭ la amikecoj. Do, mi petas vin informi min. Mi tiam vizitos la ĝemelurban organizaĵon en Taŝkento kaj ni ekkunlaboru! Mi ĉiam feliĉas, kiam Esperanto servas ankaŭ por la neesperantamovadaj aferoj.

15. S-ino Soile Lingman el Stokholmo en Svedio: Estimata Wu Guojiang, Mi kun intereso ricevis viajn retleterojn pri projekto Ĝemelaj urboj. Mi ilin plue sendis al kelkaj aliaj lokaj esperantistoj.
Mi estas prezidantino de la Stokholma Esperantoklubo kiu havas bonajn rilatojn kun la baltmaraj landoj Finnlando, Estonio, Latvio, Litovio kaj Kaliningrado/Ruslando. Niaj esperantistoj regule partoprenas en la esperantorenkontiĝoj en iliaj landoj kaj kelkfoje ankaŭ reciproke. La ĝemeliĝo estas interesa afero sed por grandaj urboj kiel ĉefurboj ĝemeliĝo estas pli malfacila ol por malgranda urbo. Mi esperas sukceson al la ideo kiun ankaŭ UEA nun feliĉe subtenas.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

Bursa estas la kvara plej granda urbo kun longa historio kaj miliono da homoj en Turkio. Antaŭ 6000 jaroj migrantoj tie aperis, vivis kaj multiĝis. Bursa estas grava industria kaj komerca centro kaj okupas gravan pozicion en ekonomio de Turkio, Silka teksaĵo estas ĝia tradicia industrio tamen aŭto estas ĝia nova kaj disvolviĝanta industrio. Aliaj industrioj enhavas mekanikon, ladmanĝaĵon, laktaĵon ktp. Ĝiaj agriklturaj produktoj konsistas el tabako, sekvinbero, olivo, rizo ktp. Ĝia trafiko estas tre konvena en akvovojo kaj tervojo. Tieaj belaj pejzaĝoj kaj historiaj restaĵoj estas ĉie renkonteblaj. Ĝuste pro tio, ĉiujare centmiloj da vizitantoj logiĝas al Bursa Arta Festo kaj Foiro.

### Esperanto-movado

Fakte ne ekzitas ajna Esperanto-organizaĵoj en Bursa krom s-ino Sevdiye Katircioglu, delegitino de UEA. Ŝi estis tie sola esperantistino. Ŝi klopodis por organizi Esperanto-kurson en Bursa sed ne sukcesis. Tamen ŝia sankta revo estas partopreni diversajn rilatojn kaj organizaĵojn por plivastigi Esperanto-movadon en Turkio (laŭ letero de Sevdiye Katircioglu).

### Ĝemelitaj urboj

Bursa havas 19 ĝemelajn urbojn, ekz. Sarajevo (Bosnio-Hercegovino), Anshan (Chinio), Oulu (Finnlando), Darmstadt (Germanio), Multan (Paksitano)  kaj tenas amikecajn rilatojn kun 4 urboj. Interŝanĝo inter esperantistoj mankas al Bursa kaj ĝiaj ĝemelitaj urboj.

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Kunlaboro inter la ĝemelaj urboj Bologna kaj Zagreb

Inter la 27-a kaj la 29-a de septembro Esperanto-klubo de Bologna, Italio, festis sian 90-jariĝon. S-ino Spomenka Stimec nome de la ĝemela urbo Zagreb, Kroatio, prelegis pri Internacia Literaturo en Esperanto. Ankaŭ ĉeestis la feston reprezentanto de la Valencia E-grupo el Valencio (Hispanio). Pluraj lokaj ĵurnaloj raportis la feston.

### Fine mia revo plenumiĝis

Svetlana Kudaŝkina, esperantistino el Gelenghik en Rusio vizitis la ĝemelan urbon Hildeshejmon kune kun sia patro Aleksandro Kudaŝkino dum la semajno de la 5-a ĝis la 12-a de novembro 2000. Svetlana Esperante rakontis la impresojn de Aleksandro pri Hildeshejmo:

Mi (Aleksandro) estas instruisto de Germana lingvo. La tutan vivon mi intruis infanojn, estis direktoro de lernejo, kaj de longa tempo revis viziti Germanion, landon, kie ĉiuj homoj parolas en Germana lingvo. Fine mia revo plenumiĝis. Laŭ invito de la Hildeshejma administracia fako por interurbaj partneraj rilatoj kaj de Hans Fechler kaj familio Lenz mi ricevis eblecon viziti Hildeshejmon.

Kaj jen mi en Germanio! Mi tre multe legis kaj aŭdis pri la laboremo de la Germana popolo, pri alta kulturo kaj akurateco. Sed tio, kion mi ekvidis, superpasis ĉiujn atendojn.

Unue, mi admiris la rimarkindajn ŝoseojn-"aŭtobanoj", kiuj trapasas la landon en ĉiujn direktojn. Ili estas konstruitaj tiamaniere, ke aŭtomobiloj povas moviĝi kun rapideco de 150 km kaj pli rapide. Ĉiuloke super la ŝoseoj kaj laŭ la vojoj estas belaj grandaj surskriboj, kiuj montras direkton kaj distancon ĝis diversaj urboj.

Tamen aparte mi ekĝojis, kun kiu koreco kaj ĝojo renkontis nin en Hildeshejmo niaj Germanaj amikoj: Inge, kaj Wilfried Lenz, Hans Fechler, Konrad Kellner, Dorothee Faridani kaj multaj aliaj, kun kiuj mi havis eblon revidiĝi. Per ilia helpo mi vizitis la urbodomon, preĝejojn, lernejon, malsanulejon, promenis tra la ripozloko ĉe lago. Ĉiuj preĝejoj havas orgenon, aspektas belege! Tre fiksiĝis en mia memoro ekskurso al la antikva urbo Celle. La tuta centro de la urbo aspektas kiel muzeo kun pratempaj Germanaj konstruaĵoj, kie unu domo aspektas pli bela ol alia, kaj ĉiuj stratoj tiom belaj kaj komfortaj kun multaj floroj.

Hans Fechler montris al ni veran miraklon de ĝardeno de la urbo Hannover- t.n. "Montoĝardeno" kun pavilono, kie ni ekvidis aŭtentikan Amazonan ĝangalon, tutajn arbarojn de kaktusoj kun ekstravagancaj formoj, florantajn orkideojn en diversaj koloroj. Mi multe parolis kun loĝantoj de la urbo Hildeshejmo kaj konvinkiĝis, ke eĉ urbano, kiu bone laboras, loĝas bonstate kaj havas ĉion por feliĉa vivo. Mi estis surprizita de la grandega kvanto de aŭtomobiloj ĉe urbanoj, belegaj kaj oportunaj. Kun Intereso mi rimarkis ŝaton de urbanoj bicikli. Biciklas ĉiuj - junaj kaj maljunaj, ĉiuloke oni havas specialajn vojetojn por biciklistoj, haltejojn por bicikloj. La familio, kie ni loĝis, ĉirkaŭis nin tiom zorge kaj ame, ke ni sentis kiel hejme, kun familiaj homoj.

Mi neniam forgesu la semajnon en Hildeshejmo, kie ĉiuj nin renkontis kun ĝojo kaj gastamo, la belegajn kaj purajn stratojn kun multe da floroj, rimarkindaĵoj, kiujn kreis la loĝantoj de la urbo (el Pontoj 6 – junio 2001, Germanio.  Notoj: Hans Fechler estas redaktoro de tiu ĉi gazeto. Inge Lenz kaj Dorothee Faridani estas esperantistinoj. Kaj estas Inge Lenz kiu havis la unuan kontakton al la Gelendjika familio Kudaŝkino. Konrad Kellner multe agas por la rilato inter Hildesheim kaj la rusa partnera urbo Gelenghik dum jaroj kiel prezidanto de la Hildesheima Asocio por la rilatoj inter tiuj ĉi du urboj, kvankam li ne parolas Esperanton).

SERVA PLATFORMO

Angolo

S-ro Joao Claudio Tukifimpa Nsoko en Luanda tro bezonas la kunlaboradon kaj la interŝanĝon kun amikecanoj el la ĝemelaj urboj. Tio estas tre interesa por ambaŭ flankoj en la diversaj kampoj, ekz. donaco, helpo, ĝeneralaj komercoj, industria fiŝkapto, ligno, reprezento, turismo, konstruado, petrolo, diamanto, k.t.p. Ĉiuj kunlaboraj petadoj el amikecanoj estu bonvenaj ĉe mi: c.p. 399 luanda-rep.Angola / fakso:00244.2.397033-397731 /  nsoko@hotmail.com/

Francio

Mi estas Madeleine Crépatte. Mia urbeto estas ĝemelita kun Schwieberdingen, apud Stuttgart (Germanio) kaj Belvidere – Illinois (Usono). Mi estas la sekretariino de la Komitato por ĝemelitaj urboj de Vaux-le-Pénil. Melun, kie mi naskiĝis en 1925, situas du kilometrojn de Vaux-le-Pénil. Mi estas anino de la Administra Konsilio de la Asocio por Internaciaj Rilatoj de Melun. Melun estas ĝemelita kun Spelthorne (Britio) en la regiono de Londono kaj Stuttgart-Vaihingen (Germanio). Ekde unu jaro ĝi estas ĝemelita kun Krema (Italio). Ĝis nun mi ne sukcesis trovi samideanojn kiuj povus partopreni la interŝanĝojn. Mi regule partoprenas la vojaĝojn inter la diversaj urboj. Mia adreso: 31 Route de Chartrettes - 77000 Vaux-le-Pénil –Francio.

Rusio

Esperantistoj el Volgograd (eksa nomo Stalingrad) interesiĝas pri projekto "Ĝemelaj Urboj". Nia urbo kune kun britia urbo Coventry estis unuaj ĝemelaj urboj. Ni volas partopreni en la

projekto kaj ni esperas kontakti kun esperantistoj el urboj: Coventry (Britio), Ostravy (Ĉeĥio), Dijon (Francio), Kemi (Finnlando), Torino (Italio), Liege (Belgio), Port Said (Egipto), Chennai (Hindio), Hiroshima (Japanio), Köln (Germanio), Chemnitz (Germanio), Cleveland (Usono), Toronto (Kanado), Jilin (Ĉinio), Chengdu (Ĉinio). Nia e-poshto: edya@yandex.ru. Nia ttt-ejo: http://www.stelaro.by.ru (Eduard Kolosov)

(la venonta numero aperos en marto 2003)

*****************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"

Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo

113008 Fushun Liaoning Ĉinio

Telefono/Fakso: +86-413-7100871 (fakso post la 5-a sonorilo)

Retadreso:amikeco999@21cn.com